# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de la
Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj



Offizielles Organ des
Deutschen Esperanto-Bundes E. V.
und anderer Esperantisten-Vereinigungen

**Prezo:**
por jaro Sm. 1,50 :: Provabono 6 Monatoj Sm. 0,75
**Anoncoj:**
Vidu tarifon en la anonca parto.

**Preis:**
pro Jahr M. 3,— :: 6 monatl. Probeabonnement M. 1,50
**Anzeigen:**
Siehe Tarif im Anzeigenteil.

8a Jaro. No. 3. || Redaktion und Administration: Berlin SW., Lindenstr. 18/19 || Marto 1911


## Pri vortaroj.*)

I.

Dum la lasta jaro aperis granda nombro de esperantaj vortaroj en diversaj landoj. La apero de vortaro, kiam ĝi estas la unua nacia vortaro por unu popolo, estas grava okazintaĵo, de kiu precipe dependas la progresado de nia afero en tiu lando. Vortaro ankoraŭ pli ol lernolibro estas necesa por la lernado kaj uzado de Esperanto. Lernolibroj povas esti tre malgrandaj, tute sendetalaj, por kleruloj eĉ nur la 16 reguloj sufiĉas, ĉar per legado oni povas facile lerni la tre simplan gramatikon de nia lingvo, dum vortaroj pli aŭ malpli ampleksaj estas nepre necesaj, se oni volas praktike uzi la lingvon.

Kelkaj nacioj jam posedas tre respektindan aron da tiaj leksikologiaj verkoj, kaj inter ili niaj francaj samideanoj estas plej riĉe dotitaj. Ili havas embarason de elekto inter la pli-malpli kompletaj vortaroj ĉu francaj-esperantaj, ĉu esperantaj-francaj. En tia situacio aĉetonto antaŭ akiri vortaron esploras, kiu el ili plej taŭgas por lia persona celo. Laŭ tio, se li volas uzi la lingvon nur por skribi facilajn leterojn, por kompreni la legadon de facilaj libroj, por vojaĝi, aŭ se li bezonas traduki aŭ skribi sciencajn, teknikajn aŭ specialajn verkojn, se li deziras kompreni senescepte ĉion, kion oni ĝis nun skribis en Esperanto, li elektos tiun ĉi aŭ tiun vortlibron, kiu plej precize kontentigas lian postulon. Estas do bone, ke ĉiu vortaro havu sian propran karakteron kaj respondu al aparta bezono; sen tiu kondiĉo ĉiu verko estus nura ripeto de la ceteraj, kaj nur konkurus ilin sen profito por la uzantoj.

Ricevinte la novan vortaron Esperanto-francan de Prof. Grosjean-Maupin, mi unue legis la antaŭparolon por ekscii, ĉu tiu ĉi verko ankaŭ havas specialan celon, kaj mi efektive rimarkis, ke la aŭtoro celas ion ĝis nun nefaritan, nome: kolekti senescepte ĉiujn vortojn, iam uzitajn de Esperantistoj, ĉu bonajn, ĉu malbonajn.

Tian objektivan konduton fakte neniu verkinto de vortaro kuraĝis havi antaŭe. Oni cetere povas diskuti, ĉu ĝi utilas aŭ malutilas, tio tute dependas de la vidpunkto de l'juĝanto. Por tion prijuĝi mi atente konsideris la intencon de l' aŭtoro, kiun mi trovis klare kaj detale pravigita en lia interesa antaŭparolo.

S-ro Grosjean-Maupin ofte aŭdis plendon de Esperantistoj, kiuj ne trovis en la ekzistantaj vortaroj multajn vortojn renkontitajn en siaj legaĵoj; li mem faris saman malagrablan sperton kaj klopodis ĝin evitigi al aliaj per eldono de vortaro kun *ĉiuj* vortoj. Li cetere deklaras, ke li mem ne aprobas ĉiujn vortojn, kaj neniel intencas enkonduki ilin en la lingvon, ke ili apartenas nur al vortaro *esperanta-nacia*, kiun oni bezonas por l e g i la esperantajn librojn sed tute ne al vortaro *nacia-esperanta*, kiun oni bezonas por s k r i b i kaj uzi mem la lingvon.

Ni konsentas kun S-ro Grosjean-Maupin pri tiu ĉi diferencigo, kiu estas esenca kaj ni atendas, ke en la de li anoncita kaj baldaŭ aperonta vortaro franca-esperanta ne troviĝos la dubaj aŭ rekte malbonaj vortoj, kiujn li aludas kaj eĉ persone kondamnas per la fakto, ke li deklaras sian intencon ilin lasi for de la dua vortaro.

Se la malbonaj vortoj trovitaj en la esperanta-franca parto malkontentigis multajn samideanojn kaj kaŭzis laŭtajn protestojn flanke de konservemaj Esperantistoj, estas tamen certe, ke aliaj ĝojis trovi multajn vortojn, kiujn ili vane serĉis en aliaj vortaroj kaj plendis, ke la vortaroj ne estas kompletaj. Kiom da tiaj plendoj ni mem ricevis en Berlin! Amaso da leteroj alvenis kaj alvenadas al la Esperanto Verlag kun la insista peto publikigi vortaron esperantan por Germanoj, en kiu oni povos trovi *ĉiujn* vortojn uzatajn en la esperantaj libroj. La firmo ĉiam

*) Prokrastita de Januaro.

respondis, ke ĝi klopodos kompletigi la vortarojn laŭ eblo, sed ke oni verŝajne neniam trovos en ili ĉiujn vortojn, ĉar unuflanke nia lingvo ĉiutage pliriĉiĝas kaj proporcie tre rapide evoluas pro sia naturo mem, kaj pro la facileco, kun kiu ĉiu aŭtoro povas krei per kunmetado aŭ per neologisma vojo senfinan nombron de novaj vortoj kaj aliflanke, ĉar ĉiuj neologismoj uzitaj de certaj aŭtoroj ne estas bonaj kaj ne povas esti enkondukataj en vortarojn.

Tiu respondo ne kontentigis ĉiujn postulantojn, kaj kelkaj respondis: „Nu, se mi ne povas ĉion kompreni per mia vortaro, mi preferas ne legi la Esperantan literaturon aŭ eĉ tute ne lerni Esperanton.“ Aliaj rimarkigis, ke oni tamen povus enmeti dubajn aŭ nebonajn vortojn sed montri ilin per ia signo, ĉu krampoj, ĉu steletoj kc.

Tiun ĉi lastan sistemon uzis S-ro Grosjean-Maupin; li signis la dubajn vortojn per unu steleto kaj la tute malbonajn per du steletoj. Malgranda litero *t* montras la teknikajn esprimojn. Tiu ĉi farmaniero estas sendube la plej taŭga en tia cirkonstanco, sed ni rimarkis inter la tiel dirite teknikaj esprimoj vortojn, kiuj ne apartenas al la teknika lingvo, kaj kiuj povus naski konfuzojn. Ĉu la aŭtoro ilin envicigis en tiun kategorion eble pro tio, ke li renkontis ilin ekskluzive en teknikaj verkoj kaj en frazoj pri teknikaj aferoj? Povas esti, sed tio ne sufiĉas por pravigi la fakton kaj ni preferus vidi kelkajn el ili inter la „stelhavaj“ vortoj, sed pli bone tute ne vidi ilin en la vortaro.

Pli gravan riproĉon oni devas fari al la nova vortaro pro tio, ke ĝi ektuŝis la Universalan Vortaron, kaj apud la fundamentaj vortoj alprenis novajn, samsignifajn kaj nenecesajn.*) Nur oficiala decido de la Lingva estraro povas modifi la Universalan Vortaron, kiu estas parto de la Fundamento. La respekto al la Fundamento donas al ni nian forton kaj certigas la unuecan uzadon de la lingvo en la tuta mondo. Se aŭtoroj de vortaroj aŭ lernolibroj komencas fari en ĝi privatc reformojn, eĉ se tiuj reformoj ŝajnas al ili negravaj, la pordo estas malfermita al arbitreco, kaj kiu scias ĝis kien tio povas konduki! — Terurigan ekzemplon ni havas ja per la reformema febro de la Idistoj; post trijara diskutado ili ankoraŭ ne interkonsentis pri plej gravaj elementoj de la gramatiko kaj de la vortaro. Senĉese iu proponas aŭ eĉ enkondukas mem ŝanĝon pri afero jam de longe decidita de la „Akademio“. Tia estas la neevitebla konsekvenco de la manko de netuŝebla minimuma bazo respektata de ĉiuj. Ni nepre evitu tiun fatalan eraron!

*) Jen la vortoj enmetitaj apud tiuj de la U. V.: akridio, alumedo, arseno, espozicio, fenklo, fosfo, harengo, ilumini, kahelo, komento, legendo, lekando, leksiko, lolio, mortelo, negliĝeo, roado, situo. — Mi ne mencias neologismojn, nek vortojn lokitajn en suplemento kun la rimarko: renkontataj neologismoj, kies uzo ne estas ofte konsilinda.

Estas vere, ke S-ro Grosjean-Maupin entreprenis tre malfacilan taskon, penante kontentigi la postulon de tiuj, kiuj volas ĉion scii. Li povis esti certa, eĉ antaŭ ol komenci, ke tiu penado vekos energiajn protestojn precipe de kritikantoj, kiuj ne sufiĉe atentis liajn intencojn kaj eble eĉ ne legis liajn antaŭklarigojn.

Tamen la nun farita sperto estas tre interesa, kaj montras unu fojon plie, kiom malfacile estas enkonduki novajn vortojn, esprimojn aŭ formojn en lingvon „vivantan“. Mi cetere tute ne plendas pri tiu malfacileco; estas kontraŭe nepre bone, ke ne ĉiu aŭtoro povu enkonduki novaĵojn laŭ sia bonplaĉo. Kia ĥaoso rezultus el tio estas komprenebla.

Sed — jen la grava demando — kiamaniere ni Esperantistoj estas armitaj kontraŭ la neologisma manio de reformemuloj, kiuj opinias sin progresemuloj, kvankam la de ili proponitaj progresoj estas reale malprogresoj? Aŭ simple, kiel ni donas al aŭtoroj kaj eldonistoj de vortaroj la eblecon certiĝi, ke iliaj novaj verkoj estas bonaj kaj neriproĉeblaj? Kiel ni donas al la publiko la certecon, ke ĝi povas ilin uzi konfide?

Tiu ĉi demando sin jam de longe kaj ofte prezentis al mi, kaj la nuna eksplodo de protestoj kontraŭ la nova vortaro plivivigas ĝin.

En la nuna cirkonstanco ni staras antaŭ vortaro, kies aŭtoro ne intencis trudi malbonajn novaĵojn elpensitajn de li. Li kontraŭe atentigas pri la malboneco de novaĵoj uzitaj de aliaj, sed tre povas esti, ke iam vortaristo pli trudema volos nepre enkonduki esprimojn tute kondamnindajn, sed tamen kun tre bona intenco kaj sincera kredo, ke ili estas bonegaj. Tio ĉi ne estas vana supozo, ĝi estas fakto, kiu pli ol unu fojon okazis kaj certe ankoraŭ okazos. Ĉu en estonteco kaj ĉiam oni devos atendi ĝis kiam estos tro malfrue por malhelpi la malbonon, ĝis la eraro estos miloble disvastigita?

Mi opinias, ke anstataŭ protesti *post* apero de malbona verko, estus pli bone serĉi rimedojn por eviti plejeble la aperon de tiaj verkoj. Kiam ili eliris estas tro malfrue plendi, pli prave estus agi tiamaniere, ke oni donu al aŭtoroj kaj eldonistoj la *eblecon* aperigi neriproĉeblajn verkojn, kaj ke oni instigu ilin uzi la rimedon ĉiufoje, kiam ili eldonas lernolibron kaj precipe vortaron.

Antaŭzorgi por eviti danĝeran malsanon estas pli saĝa ol ĉagreni, kiam la malsano ekaperis.

En venonta artikoleto ni pristudos la demandon, ĉu kaj kiel oni povas atingi tiun rezultaĵon, apogante nin sur faritaj eksperimentoj dum la eldonado de niaj unuaj esperantaj vortaroj kaj de la sekvantaj.

*Jean Borel.*

## § 11.

Wir wollen hier nicht, wie es vielleicht auf den ersten Blick den Anschein haben könnte, eine Abhandlung über den bekannten Paragraphen des deutschen Bierkomments schreiben; das wäre etwas zu profan für unsere Sache. Es handelt sich vielmehr um einen anderen, sehr beachtenswerten § 11, nämlich um denjenigen des deutschen Pressgesetzes, laut welchem uns Herr Louis Couturat, Redakteur der Ido-Zeitschrift „*Progreso*", veranlassen will, eine Berichtigung zu dem in der vorigen Nummer veröffentlichten Protest der ehemaligen Delegationsmitglieder zu bringen. Nun, sein Wunsch geschehe, und wir berichtigen hiermit, dass

„Herr Adolphe Carnot, Mitglied der Akademie der Wissenschaften in Paris, seine gegebene Unterschrift nachträglich wieder zurückgezogen hat."

Hierzu bemerken wir jedoch, dass uns diese Berichtigung ausserdem auch vom Esperantista Centra Oficejo in Paris zugegangen ist, das uns um Entfernung der Unterschrift gebeten hat.

Die Veröffentlichung des Protestes hat Herrn Couturat scheinbar schmerzlich berührt, denn sonst würde er wohl nicht so sehr auf die Berichtigung der einen Unterschrift gedrungen haben, die im Vergleich zu den vielen anderen von unwesentlicher Bedeutung ist. Die Unterschriften wären sicher noch viel zahlreicher gegeben worden, wenn nicht die weitaus überwiegende Mehrheit der Gesellschaften und Personen, die der Delegation angehört haben, nur deshalb nicht protestierten, weil sie nicht genügend Interesse an der ganzen Sache hatten. (Vergl. den Artikel „Die Delegation" in der nächsten Nummer.)*)

Nun können wir aber unseren Lesern noch einen anderen Fall mitteilen, bei dem auch der § 11 in Anwendung kommen müsste. Diese Sache betrifft jedoch nicht uns, sondern den „Idano", das deutsch-idistische Organ des Herrn Pastor Schneeberger. Sie wirft ein grelles Licht auf die „journalistische Ehrlichkeit" der Idisten — ein Schlagwort, mit dem sie mit Vorliebe bei den Esperantoblättern hausieren gehen.

In der Februarnummer 1911 des genannten Blattes befindet sich ein Artikel „Ein missglückter Protest", in dem Herr *Sb.* sich nach Kräften bemüht, den „einfältigen Protest" der früheren Delegationsmitglieder von seinem Ido-Standpunkt aus zu verunglimpfen. In diesen Ausführungen heisst es auf Seite 25 l. wörtlich:

„7. Schliesslich wird dann auf eine „*grosse Anzahl*" (eben jene 33**) hervorragender Gelehrter hingewiesen, die persönlich protestierten; man erwähnt dann wiederum jenen Berliner Professor, der als Ehrenpräsident des Komitees öffentlich seinen Austritt nahm; man weist auf einen bezüglichen, **gar nicht von Professor Foerster** abgefassten Brief hin . . ."

Diese wenigen Zeilen enthalten zwei grobe Unwahrheiten, eine wissentliche und eine beabsichtigte. Zunächst spricht Herr *Sb.* von 33 Unterschriften des Protestes. In Wirklichkeit trägt aber der Protest, wie sich jeder durch Nachzählen überzeugen kann, nach der Zurückziehung des Herrn Carnot noch die Unterschriften von 73 Personen (38 delegierte und 35 zustimmende), wozu ausserdem 15 Gesellschaften kommen, die ihren Austritt aus der Delegation offiziell erklärt haben. Diese Zahlen sind bis jetzt von den Idisten nicht bestritten worden, sondern sie haben dieselben, wenn auch stillschweigend, als richtig anerkannt. Doch dieser „Rechenfehler" sei Herrn *Sb.* verziehen. Es ist ja erklärlich, dass die Herren Idistenführer durch die Aufdeckung der im Protest erwähnten unlauteren Machenschaften etwas nervös geworden sind und in diesem Zustand leicht ein paar Dutzend Namen übersehen.

Wichtiger, aber auch ungeheuerlicher ist die Behauptung, dass der erwähnte Brief des Herrn Geheimrat Foerster nicht von diesem herrühre. Herr *Sb.* spricht hier dieselbe Beschuldigung aus, die auch Herr Couturat gegen uns erhoben hat. In dem weiter unten befindlichen Artikel „Korespondo pri paco" behandeln wir diese Angelegenheit ausführlicher, so dass es sich erübrigt, hier nochmals darauf einzugehen. Wir möchten nur Herrn *Sb.* empfehlen, die in jenem Artikel im Original abgedruckte Antwort des Herrn Prof. Foerster auf die bewusste Anschuldigung des Herrn Couturat recht genau durchzulesen; der Brief lässt an Deutlichkeit nichts zu wünschen übrig. Sollte aber Herr *Sb.* trotzdem die Authentizität dieses Schriftstückes bezweifeln, so sind wir gern bereit, ihm eine amtliche Beglaubigung desselben zu verschaffen.

Wir beabsichtigen nicht, vom „Idano" eine Berichtigung dieser Behauptungen unter Bezugnahme auf § 11 zu verlangen, denn wir drängen uns, im Gegenteil zu den Idisten, welche die Esperantoblätter gar zu gern zu fruchtbaren Feldern für ihre Verleumdungstaktik machen möchten, nicht danach, unsere Mitteilungen in ihren Blättern zu veröffentlichen. Vielmehr begnügen wir uns mit der Bekanntgabe der Tatsachen im Germana Esperantisto, weil wir der Ansicht sind, dass bei dem verschwindend kleinen Leserkreise des „Idano" solche Mitteilungen nicht viel nützen. Dagegen ist aber wohl anzunehmen, dass bei den weit über 5000 Lesern unseres Blattes die Richtigstellungen mehr Wirkung haben werden, und dass sie auch auf diesem Wege den Idisten zur Kenntnis gelangen. Aber wir überlassen es der „journalistischen Ehrlichkeit" des Herrn Schneeberger, die Unwahrheiten in seinem Blatte auch ohne den Zwang des § 11 richtigzustellen. *Ek.*

*) Wegen Platzmangel musste der für diese Nummer angekündigte Artikel über die Geschichte der Delegation bis zur April-Nummer zurückgestellt werden. Red.

**) Diese Zahl ist in einem vorhergehenden Abschnitt desselben Artikels genannt, in dem Herr Sb. auf Grund einer Prozentualrechnung die Bedeutungslosigkeit dieser Unterschriften nachzuweisen versucht. Red.

## Korespondo pri „Paco".

La en nia januara numero publikigita artikolo „Kiu volas pacon?" de nia kunlaboranto *Pacamanto* venigis la sekvantan leteron de S-ro Louis Couturat, redaktoro de la idista ĵurnalo „Progreso" en Paris:

(Tradukita el Ido.)

Al Sinjoro Redaktoro de „Germana Esperantisto"
Berlin.

Paris, 17. Januaro 1911.

Sinjoro Redaktoro!

La ĉefa artikolo de Germana Esperantisto de Januaro demandas: „Kiu volas pacon?" kaj estas bonega kaj elokventa alvoko al la paco. Ni ne volas lasi ĝin sen respondo. Precize samtempe, Progreso diris: (Januaro

p. 648) „Ĉiuokaze ni estas ĉiam pretaj por paco kaj por interkonsento; oni neniam forgesu ke n i invitis la Esperantistojn al interkonsento, kaj ke ili solaj rifuzis.“ Laŭ „Pacamanto“, kaj laŭ ni ankaŭ, estus granda paŝo al interkonsento se oni „ĉesus insulti unu la alian publike“ (tiu konsilo povas esti direktata nur al la fidelaj Esperantistoj!) kaj se oni „diskutus trankvile“. Sekve, mi nun demandas vin, ĉu vi akceptus kaj enpresus artikolon, en kiu mi respondus al la artikolo de Pacamanto, kaj montrus, kiaj estas laŭ mi la kondiĉoj de la paco dezirata sur ambaŭ flankoj. Tia enpreso estus ankaŭ „granda paŝo al interkonsento“. Mi nur deziras, ke vi presu ĝin en Ido: ne nur, car ni ĉiam akceptas liberale en Progreso artikolojn pri kaj en Esperanto, kaj ni havas la rajton postuli la saman liberalecon; sed precipe pro tio, ke ĉiuj teoriaj argumentoj ne povas pruvi la superecon de Ido tiel bone, kiel la praktiko, kiun ni faras per ĝi de tri jaroj: viaj ĉefoj rifuzis ĝin diskuti, ĉar ĝi estis „pure teoria projekto“, kaj ili mem instigis nin praktiki kaj propagandi ĝin. Tamen, ili daŭre ripetas. ke ĝi estas ankoraŭ „teoria projekto“! Ĝis kiam? Nur la praktika uzado povas refuti la kalumniajn certigojn, kiujn oni dissemis kaj dissemas konstante pri nia lingvo (ĉar oni kalumnias Idon, same kiel ĝiajn aŭtorojn).

Mi petas, ke vi bone pripensu antaŭ ol respondi al mia propono; ĉar ĝi estas esenca propono al paco. Ne sufiĉas prediki la pacon; oni devas voli ĝin sincere. Se via respondo estus nea, ni lasus al la Esperantistoj la respondecon pri la daŭrigo de la milito, kiel ili ja havas la respondecon pri la komenco.

Kun samideana saluto
(subskribita) *Louis Couturat.*

P. S. Mi permesas eĉ petas, ke vi publikigu tiun ĉi leteron kun via eventuala respondo.

*

Ni respondis per jena letero:

Berlin SW. 68, la 21an de Januaro 1911.
Lindenstrasse 18/19.

Al Sinjoro Louis Couturat, Redaktoro de „Progreso“
Paris.

Sinjoro Redaktoro!

Mi ricevis vian leteron de la 17a nuna, kiu rilatas al la artikolo „Kiu volas pacon?“, aperinta en la januara kajero de Germana Esperantisto. — Kiel nia kunlaboranto, vi opinias, ke estus granda paŝo al interkonsento, se oni ĉesus insulti unu la alian publike, kaj vi aldonas, ke tiu ĉi konsilo povas esti direktata nur al la fidelaj esperantistoj! Vi demandas, ĉu ni enpresos respondon de vi al la artikolo de Pacamanto En tiu respondo vi montros la kondiĉojn, laŭ kiuj oni povus havi pacon, kaj vi postulas, ke tiu artikolo aperu en Ido.

Unue mi respondas, ke ni ĝis nun neniam akceptis enpresi artikolon, ne vidante la tekston. Ni ne volas elmeti nin per promeso al eble malagrabla surprizo, kaj ni ne scias, kiu redaktoro akceptus artikolon antaŭ ol ĝin legi. Se ni rifuzas tion fari por niaj samideanoj, ni ne havas motivon konsenti escepton por kontraŭuloj, kiuj nin sisteme atakas. Do, unue mi devas vidi la artikolon antaŭ ol ligi nin per promeso de enpreso.

Vi postulas, ke via artikolo aperu en Ido. Ni tuj respondas n e e, dirante, ke ni aperigus nur Esperantan aŭ germanan tradukon de ĝi. De la komenco de sia ekzisto, longe antaŭ ol oni parolis pri Ido, Germana Esperantisto deklaris, ke ĝi estas propaganda gazeto por E s p e r a n t o, kaj ke ĝia enhavo estos nur Esperanta kaj germana. Ni adoptis la principon, ne okupiĝi, pritrakti, aŭ disvastigi aliajn sistemojn ol Esperanto. Tion nia redakcio diris antaŭ 6 jaroj al Sinjoro Rosenberger, kiu deziris, ke G. E. parolu pri aŭ en Idiom Neutral, ni malakceptis artikolojn en Volapük kaj agis same kontraŭ la reformita Ido de S-ro Seidel, kiu esperis propagandi ĝin per nia gazeto. La plimulto de niaj legantoj komprenas nek Idiom Neutral, nek Volapük, nek reformitan Idon; pro tiuj motivoj ni ankaŭ rifuzis diversfoje, enpresi artikolojn en aŭ por Ido. Se vi en Progreso akceptas artikolojn en diversaj lingvoj, tio tute ne trudas al ni la devon ŝanĝi nian de longe adoptitan principon.

Pri la enhavo mem de la artikolo, vi nur diras, ke vi prezentos viajn kondiĉojn por la paco, kaj vi finas per minaco: „Se vua respondo esus negala, ni lasus a l'Esperantisti la responso di la duro di la milito, same kam li ja havas la responso di la komenco.“ Ni ne multe miras pri tiaj militemaj minacoj, kiujn ni kutimis legi tuj de la naskiĝo de Ido, ni pli miras pri la certigo, ke la Esperantistoj komencis l a m i l i t o n. Ni ĝis nun kredis, ke Esperanto vivis longe antaŭ Ido, kaj ke la milito komencis, kiam la Idistoj atakis Esperanton. Tamen ni estos tute konvinkitaj, nur kiam oni pruvos al ni, ke Ido efektive ekzistis antaŭ Esperanto.

Mi ne scias, ĉu vi skribas kiel redaktoro de Progreso aŭ oficiale en nomo de „l'Uniono di l'Amiki . . .“ aŭ de la Delegitaro, kies paperon kaj koverton vi uzas. Cetere tio ĉi ne tre gravas por la afero, pli grave estas, ke vi sciu, ke la artikolo de nia kunlaboranto Pacamanto neniel ligas la Esperantistaron, al kiu sin turnas via minaco, ĝi ankaŭ ne ligas la germanan Esperanto-Asocion, ĉar ĝi aperis en la neoficiala parto de la ĵurnalo.

Cetere, kvankam ni alprenis tiun ĉi artikolon, nia redakcio kompreneble tute ne fordonis sian plenan liberecon de agado kaj de defendo, se oni atakos nin maljuste kaj devigos nin batali, kion ni ĝis nun evitis.

Kiel Pacamanto ni opinias, ke nur neŭtra persono povas fari la unuajn paŝojn al interkonsenta movado. Nek vi, nek ni estas sufiĉe senpartiaj por dikti kondiĉojn por la paco, kaj ni eĉ opinias, ke niaj du ĵurnaloj ne taŭgas por tio.

Se oni s i n c e r e volas eniri en pacan vojon, la unua kondiĉo por sukceso estas, ke unu partio ne komencu postuli de l' alia koncesiojn, kiujn ĝi ne povas, nek volas fari Jen estus la plej certa metodo por pliakrigi la militon, kaj se oni dezirus ĝin efektive daŭrigi, oni ne povus pli lerte agi. Vi diras, ke vi ĉiuokaze estas ĉiam pretaj por paco kaj interkonsento, sed vi senĉese predikas la militon kaj serĉas ĉiujn okazojn de malpaco. Vi en la lasta numero de Progreso represas la senhontajn malveraĵojn de S-ro Haugg el la ĵus aperinta numero de L'Observeyo: Esperanto ne plu ekzistas, ekzistas nur Ido; la estroj de Esperanto unuanime voĉdonis por la decidoj de la komitato de Ido; la estroj de Ido neniam estis Esperantistoj; Dro Zamenhof estas malsaĝulo, kiu skribas sensencaĵojn, kiujn li mem ne komprenas ktp. Jen tio, kion vi nomas „historiaj veroj“ kaj kion vi in-

stiĝas disvastiĝi en la germana publiko, kune kun insultoj pri „la grosa mentii e kalumnii. per qui la rabioza fanatiki inundas konstante la publiko!", kaj aliaj samaj afablaĵoj, kiujn ni de tri jaroj kutimas legi sur ĉiuj paĝoj de Progreso. Kaj per tiaj insultaj procedoj vi pretendas pretiĝi la vojon al paco kaj interkonsento, kaj montras vian ĉiaman pacamon . . .

Germana Esperantisto ĉiam malŝatis tiujn insultajn esprimojn kaj klopodis gardi plejeble paceman konduton, ne enmiksiĝante en militojn. Nun, ĉar oni tiamaniere trouzas nian paciencan silenton kaj volas utili niajn pacemajn dezirojn por ruze kapti nin, ni ankaŭ parolos kaj montros, kion oni devas pensi pri la „historiaj veroj" publikigitaj de la Idistoj. Eble per tiu sistemo ni pli facile atingos pacon ol ni ĝis nun sukcesis per nia pacema sintenado. Ni tion estonte kiel estinte sincere deziras, sed ni ne estas solaj, kaj la paco ne dependas nur de ni.

Mi nun malkaŝe diris al vi nian opinion pri kiu ni ne bezonis longe pripensi kaj konkludas ripetante, ke vi povas sendi vian artikolon. Leginte ĝin, ni decidos, ĉu ni alprenos ĝin aŭ ne; se jes, ni enpresos ĝin ĉu Esperante ĉu germane laŭ via elekto. Vi povas publikigi tiun ĉi leteron, se vi deziras.

Kun sincera saluto
*F. Ellersiek*,
Redaktoro de Germana Esperantisto.

*

Post tiu ĉi letero alvenis artikolo de S-ro Couturat, skribita en lia persona nomo por esti enpresota en Germana Esperantisto.

De la komenco ĝis la fino tiu ĉi longa artikolo estis nura plendo kaj kritiko pri la Esperantistoj, pri la agado rilate al la Delegitaro, pri la Lingva Komitato, la Centra Oficejo, Dro Zamenhof, la Esperantaj gazetoj ktp. La historio pri la sintenado de la Esperantistoj en la Idista afero estas prezentita kompreneble laŭ tute Idista vidpunkto kaj celas pruvi, ke nur la Esperantistoj havas kulpon kaj ke la Idistoj estas senkulpaj en la milito.

Per tia artikolo, plena je malbone kaŝita kolero kaj militemaj intencoj, S-ro Couturat pensas atingi pacon! Ĉu li parolas serioze? Se oni volas eniri domon por amikiĝi oni ne komencas vangofrapi ĉiujn enloĝantojn ĉirkaŭ si. Tia estas tre stranga pacema procedo, kiu klare pruvas, kia estas la paca deziro de niaj kontraŭuloj. Ĉu ili do opinias, ke ni estas sufiĉe naivaj por fali en tiun kaptilon kaj lasi nin tiel ridinde vangofrapi en nia propra domo *pro amo al paco?*

La publikigo de tia incitema artikolo kompreneble trudus al ni la enpreson de same longa rebato kaj de la diversaj ambaŭflankaj leteroj, kiuj rilatis al tiu afero. Jen estus *bonega* metodo por enkonduki la pacajn rilatojn deziratajn de *Pacamanto!* Plie, tio plenigus duonon de nia ĵurnalo kaj ni ne povas nek volas oferi tiom da loko por tia malaminda temo. Niaj legantoj havas la rajton postuli ion pli interesan kaj pli agrablan.

Tamen ni ne povas preteriri sen mencio de grava kaj senhonta atako, direktita kontraŭ „Germana Esperantisto" mem, kaj pri kiu la Idistoj, ĉu parole ĉu prese jam de longe nin kalumnias. Ili pretendas kaj publikigas, ke la letero, per kiu S-ro Prof. Wilhelm Foerster, estinta honora prezidanto de la Delegitaro, klarigis la motivon de sia eksiĝo (Germ. Esp. Decembro 1908) kaj severe protestis kontraŭ la Idista agado, ne estas aŭtentika. Tio signifas, ke ni publikigis *falsan* leteron sen la scio aŭ eĉ kontraŭ la volo de S-ro Prof. Foerster.

Cetere, jen la afablaj paroloj, kiujn S-ro Couturat arogante postulas, ke ni enpresu en nia propra ĵurnalo: Ni tradukas ilin el franca lingvo.

„Mi memorigas, ke Germana Esperantisto mem rifuzis akcepti respondon al la letero alskribita (attribuée) al S-ro Prof. Foerster (kiun ni neniam ricevis kaj kies aŭtentikeco ŝajnas al ni duba, ĉar ĝi esprimas opiniojn nepre malajn je tiuj, kiujn la honorinda scienculo esprimis al ni en la sama tempo). Mi do demandas, ĉu Germana Esperantisto kaj la ceteraj esperantaj ĵurnaloj estas inklinaj fine konigi la veron al la „fideluloj" kaj akcepti la rektifiojn de la Idistoj, **kio estas cetere simpla devo de honesteco.**" (Tiu ĉi lasta frazo estas substrekita en la letero.)

Ĝis nun ni malŝatis tiun mensogeman atakon, kiel ni ankaŭ malŝatis ĉiujn ceterajn idistajn kalumniojn.

Ni kompreneble ne havis motivon por publikigi idistan rektifian respondon al la letero de la respekteginda S-ro Prof. Wilhelm Foerster. Cetere tiu ĉi letero ne estis sendita al ni, sed al privata korespondanto de S-ro Prof. Foerster, kiu petis klarigon de li kaj ni nur ricevis la permeson ĝin represi. La plendo de S-ro Couturat, ke li ne ricevis tiun leteron estas nur pruvo de lia senlima aroganteco; ĉu S-ro Prof. Foerster havas la devon komuniki al S-ro Couturat sian privatan korespondon? — Plie, ni ankaŭ ne volis tedi Profesoron Foerster per tiaj aferoj, ĉar li jam estis dirinta buŝe sian opinion pri la Idistaj malveraĵoj.

Tamen nun la insulto fariĝis tro freneze trudema, ĉar ĝi estis rekte sendita al ni kun postulo represi! Ni do komunikis al S-ro Prof. Foerster la artikolon de S-ro Couturat petante lin, ke li bonvolu skribe diri al ni, kion li pensas pri la paragrafo rilatanta al lia letero, por ke ni povu fine ĉesigi la skandalon.

Jen la originala respondo de S-ro Prof. Foerster kaj la esperanta traduko:

**Charlottenburg, Westend, Ahorn=Allee 32, den 28. Januar 1911.**

**An die Redaktion des Germana Esperantisto. Berlin.**

**Ihrem Wunsche entsprechend, bestätige ich Ihnen hierdurch noch einmal ausdrücklich, dass die Veröffentlichung des im Germana Esper=antisto, Jahrgang 1908, No. 12, veröffentlichten Briefes mit meinem Wissen und Willen und meiner ausdrücklichen Genehmigung erfolgt ist. Ich habe heute den Brief noch einmal durchgelesen, und kann nur sagen, dass derselbe auch heute noch vollkommen meiner Anschauung über die Sachlage entspricht.**

**In vorzüglicher Hochachtung**
**(gez.) Prof. Wilhelm Foerster.**

Al la Redakcio de Germana Esperantisto,
Berlin.

Laŭ via deziro, mi ankoraŭ unu fojon konfirmas al vi pozitive, ke la publikigo de la en Germana Esperantisto, jaro 1908, No. 12, enpresita letero okazis kun mia scio kaj volo kaj mia pozitiva konsento. Mi hodiaŭ relegis tiun leteron kaj povas nur diri, ke ĝi ankoraŭ hodiaŭ estas plene konforma al mia opinio pri la situacio.

Kun altestimo
(subskribita) Prof. Wilhelm Foerster.

Ĉu tiu ĉi letero ne estas sufiĉe klara kaj preciza por forigi ĉiun dubon kaj konvinki ĉiun honestan homon? — Tute ne. S-ro Couturat, al kiu ni ĝin komunikis, opinias, ke ĝi estas sensignifa, kaj li skribis al ni la 5an de Februaro pri „la nova letero de S-ro Prof. Foerster, *kiu neniel refutas nin, kiel vi ŝajnas kredi*".

Nu, tiu ĉi ridinda respondo ne tro mirigas nin; estas homoj kiuj neas la sunon, kvankam ĝi blindigas ilin; S-ro Couturat apartenas al tiu kategorio.

Kion pruvas ĉio ĉi? Ke estas absurde perdi tempon por diskuti kun *tiaj* kontraŭuloj; ili ne meritas, ke ni dediĉu al ili tiom da loko kaj peno.

Ili kompreneble daŭros ripeti, ke ni estas trompantoj, kiuj publikigas falsajn leterojn. Ili nur daŭrigu sur tiu vojo, jam nun venas la tempo, kiam la de ili ĵetita koto refalas sur ilin. Eĉ la fervoraj Idistoj nun komencas malfermi la okulojn kaj juĝi la malindan taktikon de siaj kondukantoj. La senpartia publiko ankaŭ prijuĝu!

*Germana Esperantisto.*

## El la urbo de la „Sepa".

Antwerpen, la 15an de Februaro 1911.

La lastan dimanĉon mi ĉeestis la lecionon donatan de S-ro Van der Biest-Andelhof, la nelacigebla prezidanto de la Sepo, al la geaktoroj de la Reĝa Nederlanda Teatro. Ĉiuj geinterpretontoj de Kaatje ĉeestis, kiel ankaŭ S-ro direktoro Van Laer kaj S-ro ĉefreĝisoro Van den Heuvel. Oni legis la unuajn scenojn de Kaatje, kaj mi admiris, kiel perfekte la geartistoj jam legas kaj komprenas la ludotan teatraĵon.

La vendado de Kaatje — kiel de ĉiuj eldonaĵoj de la Sepo — bonege sukcesas. Multaj kongresanoj jam nun luprenis sian sidlokon por la prezentado, ĉar tiu lupreno estas jam ebla. Oni nur pagas 0,400 Sm. (4 respondkuponojn) por seĝego en la teretaĝo aŭ la unua etaĝo, kaj 0,200 Sm. (2 respondkuponojn) por sidloko en la dua aŭ la tria etaĝo.

* * *

S-ro Van der Biest-Andelhof ankaŭ instruas proksimume 120 policanojn, kaj la fervoro ĉe tiuj lernantoj estas tia, ke ili baldaŭ starigos specialan grupon, kiu aliĝos al la Internacia Policana Ligo.

* * *

La 20an kaj la 27an de Aŭgusto estos farataj katolikaj diservoj kun esperanta prediko. La nomoj de la predikontoj ne estas ankoraŭ konataj.

La 20an okazos diservo en la germana-holanda protestanta preĝejo; S-ro Pastro Griethuysen, el Antwerpen, faros la predikon. La 27an meso estos farata en la angla preĝejo; la oratoro estos S-ro Pastro Rust el Soham (Anglujo).

Ĉar la Organiza Komitato ne sin okupas pri religiaj aferoj, ĉiuj tiuj ĉi diservoj devas esti konsiderataj kiel neoficialaj partoj de la programo de l' Kongreso.

* * *

En la monato Marto la Sepo publikigos sian unuan cirkuleron, en kiu oni trovos ĉiujn detalojn pri la hoteloj kaj restoracioj, alvokon pri la literaturaj konkursoj, unuan nomaron de proponataj temoj kaj donacotaj premioj, k. t. p.

* * *

Bonega novaĵo: S-ro Schollaert, ministro de l' Sciencoj kaj Artoj, afable metis je la dispono de l' Kongreso, kiel akceptejon kaj kunvenejon, la festhalon kaj la diversajn ĉambregojn de la Reĝa Ateneo (gimnazio). Tiu monumento staras en la centro de la urbo, tute proksime de l' stacidomo, de l' teatroj, de l' bulvardoj.

* * *

Ĝis nun 455 kongresanoj enskribigis sin. Inter ili estas 124 belgoj, 116 angloj, 90 francoj, 66 germanoj.

*Jan.*

# Germana Kroniko.

***Ni tre petas ĉiujn grupojn, kiel izolitajn samideanojn, ke ili sendu al ni kiel eble plej akurate mallongajn raportojn pri ilia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en ilia urbo aŭ regiono. La raportoj devas alveni ne pli malfrue ol la 20an de ĉiu monato.***

La 15an de Januaro okazis la 3a kunveno de la **Bavara Esperanto-Ligo** en Ingolstadt, preskaŭ ĉiuj grupoj bavaraj estis reprezentataj. La raportoj de la delegitoj montris la ĝenerale tre bonan staton de nia afero en la bavaraj urboj. Precipe en Augsburg la progresoj estas tre ĝojigaj, pliaj firmoj nun akceptis Esperanton, ekzemple J. N. Eberle & Cie., Orthopädische Anstalt Hessing, Fremdenverkehrsverein ktp. La 4a kunveno de „Bavara Ligo" okazos en Donauwörth. — Speciale rimarkinda estas la ekinteresiĝo de la bavara instruistaro, ekzemple en Straubing eksinstruisto aranĝis specialan kurson por instruistoj.

**Rejna Esperanto-Ligo** aranĝis rondiran leteron, por interŝanĝi kun la diversaj grupoj la spertojn pri propagando, instruado ktp. La ĉi tiujara liga tago okazos supozeble en Majo, en la nordo de la liga regiono. — Kun speciala insisto la estraro de la ligo petas ĉiujn izolajn membrojn, precipe en urboj, kie ne ekzistas jam grupoj (ekzemple Coblenz, Trier) konigi siajn adresojn al S-ro referendario Arntz, Godesberg. En tiaj lokoj la ligo se iel eble aranĝos kursojn kaj iniciatos la fondon de lokaj grupoj, kaj petas por tio bonvolajn helpontojn, interrilati kun la estraro. Nur tiamaniere la ligo povos efektive sukcese labori, kaj reprezenti ĉiujn gesamideanojn de sia regiono en vere forta organizo.

**Tutmonda Katolika Unuiĝo Esperantista** efike propagandas en la katolikaj rondoj por nia afero. Krom la jam raportitaj landaj ligoj bavaraj kaj saksaj oni fondis novajn por okcidenta Germanujo (S-ro Püntmann, Münster i. W., Friedenstr. 9) kaj Silezujo (S-ro Propst Becker, Schrimm).

**Berlin.** La esperanta sekcio de „Kaufmännischer Verband für weibliche Angestellte" kunvenas nun ĉiumerkrede. La nuna kurso havas tre ĝojigan rezultaton, el la dek partoprenantoj neniu forlasis la kurson, sed ili ĉiuj konservis la saman fervoron kiel en la unua leciono. — La supera kurso de S-ro Behrendt

kiel same la komencaj kaj ekzercaj kursoj, el kiuj estas tenataj kvar samtempe, daŭras kun bona rezultato.

**Berlin-Rixdorf.** Sukcesplena estis parolado, kiun faris S-ro Behrendt en instruista unuiĝo. Efike helpis esperanta interparolo de fremdaj samideanoj, el kiuj unu, serbo, tute ne komprenas germanan lingvon, duetoj de F-inoj Nickel kaj Piehlke, kaj baskanto de S-ro Tietsch.

**Berlin=Weissensee.** Laŭ invito de instruista unuiĝo S-ro Dro Rosenberg prezentis propagandan paroladon, kiun plenigis S-ro Wichert per statistikaj informoj, sekvis vigla diskutado. — La vintra festo de la tiea grupo bone sukcesis; malgraŭ la grandaj distancoj ĉeestis multaj gastoj el la grupoj de Berlin, Charlottenburg kaj Potsdam. Per tre interesa parolado S-ro Behrendt, vicprezidanto de la Berlina grupo, atentigis pri la neceseco kaj valoro de la esperanta literaturo.

**Braunschweig.** En la jara kunveno S-ro prokuroro Reinking povis raporti pri tre ĝojigaj progresoj de la grupo dum 1910; li estis reelektita prezidanto, S-ro Thienemann fariĝis vicprezidanto, F-ino K. Jahns daŭras funkcii kiel sekretariino, S-ro Wanglin estas kasisto.

**Charlottenburg.** Post sukcesa propagando komenciĝis du publikaj kursoj kun 56 partoprenantoj, instruantoj estas S-roj Wichert kaj Bergmann.

**Delitzsch.** Dum propaganda kunveno ĉeestis gesamideanoj el Bitterfeld, Holzweissig kaj Leipzig. Al pli ol ducent aŭskultantoj S-ro ĉefinstruisto Schmiedeberg prezentis paroladon, kiu tre bone efikis; kurso komenciĝis.

**Deuben.** S-ro Siegel parolis en „Pädagogischer Verein im Plauenschen Grund" pri Esperanto kaj sukcesis varbi multajn instruistojn por la nova kurso de la grupo „Plauenscher Grund", kiun instruas S-ro Funk-Döhlen. 14 el la 18 membroj de la grupo estas geinstruistoj.

**Dresden.** La fondiĝa festo de la societo „Esperanto" estis nova brila elmontro por nia afero. Ĉeestis proksimume 1000 personoj, inter ili tre gravaj reprezentantoj de publikaj institucioj Dresdenaj. Inter la gastoj oni ĝoje salutis S-ron Dron Kliemke-Berlin, S-ron Cohen-Altona, F-inojn Jahns-Braunschweig kaj S-ron kapitanon Hueber-Prag. La programo estis tiom riĉa, ke ni nur povas resume citi la kantojn de virina ĥoro, direktita de F-ino Lehner, plej impresan deklamon de S-ino Elb, diversajn muzikajn prezentaĵojn de unuarangaj muzikistoj kaj du efikajn komediojn. Rimarkindaj estis salutaj paroladoj de S-roj Dro Kliemke kaj kapitano Hueber, kaj precipe tre interesa parolado kun lumbildoj de S-ro Prof. Lederer-Prag. La temo „La karikaturo en diversaj epokoj" ekscitis la intereson de ĉiuj ŝatantoj de arto kaj humoro, precipe pro la formo interesa kaj sprita, per kiu la parolinto prezentis la klarigan tekston. Aparta honoro estis farata al kelkaj membroj de la polica grupo, kiuj ricevis la „ateston pri kapableco". Tombolo kaj balo finigis la feston.

**Düsseldorf.** Post propagando de S-ro Tarnow en „Verein für Handlungskommis von 1858" malfermiĝis nova kurso, kiun gvidas S-ro Luis.

**Frankenberg i. Sa.** En la ĉefkunsido de la grupo estis reelektita prezidanto S-ro May, kies raporto montris, ke la 50-membra grupo dum la pasinta jaro intense kaj bonsukcese laboris. Estis nomataj S-ro Hufnagel, vicprezidanto, F-ino Eckelmann, kasistino, S-ro Grundig, sekretario.

**Frankfurt a. M.** En ĝenerala kunveno estis elektata jena estraro: S-ro Barthel (prez.), S-ro Herrström (vicprez.), S-ro Skeide (kas.), S-ino Barthel-Edler (sekr.); komitatanoj S-roj Hummel, Fricke, Fernkorn, Vahlberg kaj Wischhoff.

**Gleiwitz.** Pri la kreskanta intereso por nia afero atestas nova kurso, aranĝita de la tiea grupo.

**Godesberg.** La nova ilustrita gvidlibro de Bad Godesberg (Rejna Esperanto-Kolonio) kun multkoloraj ilustraĵoj kaj esperanta parto estas senpage ricevebla de „Verkehrsverein Bad Godesberg".

**Görlitz.** Efika propagando estis prezentado de fratoj Schwarz kaj aliaj membroj de „Varietea Esperantista Ligo" en „Reichshallentheater", kiu estis ekstere kaj interne ornamita per esperantaj flagoj kaj insignoj; ĉeestis multaj gesamideanoj. — S-ro Nather fondis novan grupon, kunvenoj merkrede kaj dimanĉe en „Goldner Krug", Langenstrasse. La oficejo (S-ro F. W. Nather, Hotherstrasse 29, II) petas pri sendo de gazetoj, katalogoj ktp. por propagandaj celoj.

**Göttingen.** La „Esperanta sekcio de la liberstudentaro" ricevis permeson de la rektoro, instrui senpage en „Studienhaus". Tri paroladoj okazis, kiujn la gazetaro favore priparolis: „La internaciaj esperantaj kongresoj" (S-ro Rudolphi), „Monunuo kaj kalendara reformo" (S-ro Heydweiller), „Esperanto, natura membro de la indo-germanaj lingvoj" (S-ro Hartwig).

**Hamburg.** Okazis la 16an de Januaro la ĝenerala kunveno de la grupo „Verda Stelo". El la raporto de l' estraro oni vidis la sukceson de nia afero. Dank' al la granda sukcesplena propaganda vespero en la estinta jaro, — oni estis gajninta kiel parolanton Sinjoron Prof. Dr. Rohrbach el Gotha, — la grupo povis aranĝi kvar kursojn por komencantoj kaj du kursojn por progresintoj. Ankaŭ dum tiu ĉi jaro jam komenciĝis novaj kursoj, du por komencantoj kaj unu por progresintoj. — En kvartala unuiĝo „Bürgerverein" S-ro Dro Luria raportis pri la esperanta afero, S-ro Hoffmeister per deklamoj montris la belsonecon de nia lingvo.

**Hannover.** La jara kunveno alportis la reelekton de S-ro Gottgetreu, prezidanto. El la raportoj vidiĝas, ke Hannover estas la unua el la germanaj urboj, kie esperanta instruado estas permesata en ĉiuj unuagradaj lernejoj. En dek kursoj estis instruitaj 170 personoj; fondiĝis laŭ iniciato de grupaj membroj laborista kaj junula grupoj, plie klubo esperantista en Celle. — La „Esperantista Junularo" festis la unuan fojon sian fondiĝon. Ĉeestis multaj membroj de la esperanta grupo, ankaŭ S-ro Heydweiller-Göttingen venis al la festo.

**Hof i. Bayern.** Al proksimume cent aŭskultantoj S-ro Steier-Leipzig prezentis paroladon pri Esperanto; S-ro Ziegler, subtenata de organiza komitato, aranĝis la kunvenon. 45 personoj enskribis sin por kurso, gvidota de S-ro Voigt-Plauen. Fondiĝis grupo, prezidanto estas S-ro Dro Ernst, la oficejo estas ĉe la vicprezidanto S-ro Ziegler, Westendstr 32.

**Kassel.** Bonsukcesa estis la fondiĝa festo, kun la kutimaj prezentaĵoj Ĉeestis pli ol 250 personoj. — Post finiĝo de la komencaj kursoj oni aranĝis novajn por komencantoj kaj progresuloj.

kompari la tradukon de sia nacia Biblio kun la esperanta teksto, tradukita de kompetenta lingvoscienculo el la hebrea originalo. La komparo estos tre interesa laŭ scienca vidpunkto, ĉar ĝi estas senpartia, fidela kaj objektiva, samtempe la kompara legado faciligos la lernadon de nia lingvo.

Dua demando estas: Ĉu la Biblio ĉiam restos tiel fama kaj altŝatata kiel en iama tempo? Ĝi dankas sian famon kaj gloron al la opinio, ke Dio mem parolas al la homoj per la vortoj de ĝiaj folioj, ke ĝi ne estas profana sed sankta libro. Sed kio okazos, kiam oni estonte ĝin opinios simpla libro, kiel aliaj libroj, malnova, altestiminda kroniko de unu antikva popolo, ĉu ĝi tiam ne perdos sian brilan nimbon?

Ni tion ne timu. Ni memoru la mirindan efikon, kiun ĝi havis je la tuta homa evolucio, je arto kaj poezio. Ni relegu tion, kion Goethe tiel ofte en siaj verkoj diras pri la influo de la simplaj rakontoj en la Biblio je li mem, ni legu la interesan epizodon en „Wahrheit und Dichtung" (Vero kaj Poezio), kie li rakontas pri sia studado de la hebrea lingvo kaj pri la Genezo. Dudek paĝojn Goethe dediĉas en la verko, kiu rakontas el „lia vivo", al raporto pri la militiro de Abraham kaj pri la servado de Jakob. Certe, kiam la Biblio malaperos el la religia instruado, ĝi reaperos en la lecionoj pri literaturo kaj historio. La simpleco de la stilo, ĝia klareco kaj majstra mallongeco ne havas sian similan en la tuta mondliteraturo. Mi citas tie ĉi nur la rakonton pri la Babilona turo, ĉapitro XI, 1—9. Naŭ mallongaj frazoj, nenio plu, rakontas al ni la faman legendon, kiu senfine okupis la mediton de la homaro. Kiom da pentraĵoj kaj skulpturaĵoj naskis tiuj ĉi malmultaj linioj!

Ĉu mi nun kuraĝos diri kelkajn vortojn pri la „Majstra" traduko de la fama Biblia teksto?

Ĝi sendube estos por ni nova modelo kaj imitindaĵo. Kvankam ni ne ĉiam povas skribi la stilon de la Genezo, ĝi por nia epoko estas tro simpla, ni povas tamen imiti ĝian klarecon kaj mallongecon, ĝian precizan kaj trafan karakteron. Ekzistas kvazaŭ parenceco inter la stilo de la Biblio kaj la al ni konsilinda esperanta stilo, ni tial studadu la Genezon same diligente kiel la ekzercaron de nia fundamento.

Ne multajn novajn vortojn Dro Zamenhof bezonis por la traduko el hebrea lingvo. Tamen ni trovas „arkeo" kaj „diluvo", ambaŭ vortoj havas historian karakteron kaj estis neeviteblaj. Ni ankaŭ renkontas la vorton „braceleto", jam konata al ni el la Krestomatio, sed ne ankoraŭ oficialigita, kaj ni trovas „aperturo", deziregata nova vorto.

Rimarkindaj kaj imitindaj estas la jenaj esprimoj: loĝi fremdule, mikskolora, virbesto kaj virinbesto, virbesto kaj ino, reforiĝis la akvo de sur la tero, volu trinkigi min, favorkoraĵo, adorkliniĝi, surtabligu panon, tiam Faraono diris al Josef, tiele li metis Efraimon antaŭ Manase, ktp. La lastaj esprimoj montras, kiamaniere Dro Zamenhof uzas kaj neuzas la literon „o" ĉe la nomoj.

Ni danke akceptu la grandegan verkon el la manoj de nia kara Majstro, ni ĝin legu atente, ni lernu kaj imitu! *M. H.*

*

* **Kaatje,** kvarakta teatraĵo de Paul Spaak, esperantigita de Dro W. Van der Biest; (Kolekto de la Revuo). Hachette & Cie., Paris. Prezo 2,20 M.

Jen la teatraĵo, kiu estos ludata dum la Sepa Universala Kongreso de Esperanto (Aŭgusto 1911) en la Reĝa Nederlanda Teatro de Antwerpen. La aktoroj estos la samaj, kiuj havas en sia repertuaro la rolojn el la ofte ludata nederlanda traduko, verkita de Moortgat. Spaak uzis en la originala verko la francan lingvon. — Antaŭ ĉio oni devas kore gratuli niajn belgajn samideanojn, ke ili prezentos al la tutmonda esperantistaro ĉi tiun verkon. Parolado de la konata belga literaturisto Emile Verhaeren, farita okaze de la 50a prezentado kaj presita kiel antaŭparolo, enhavas jenon, kio povas esti konsiderata kiel nepre trafa kaŭzigo de la elekto: „La ideo estas ĝenerala; ĝi enhavas la lukton de la homa personeco kontraŭ nenatura edukado. Ŝanĝu la situacion. Imagu . . . ." (jen kiel daŭrigas la recenzanto): Imagu ne flandran heroon de l' teatraĵo, sed iun ajn homon, kiu klopodas, kontentigi siajn plej intimajn animajn bezonojn, kiu serĉas la feliĉon en malproksimo fora de sia hejmo, kaj kiu revenas en la landon de sia naskiĝo, plej intime konatan de li, imagu tian homon, kaj „vi (tiel daŭrigas Verhaeren) vi eltiros el la teatraĵo la saman instruon kaj la saman konkludon. Kaatje vivas kaj estas vera ne nur tie ĉi (en flandra lando), sed ankaŭ aliloke, ĉie; kaj jen la precipa merito de la aŭtoro."

Kaj jen ankaŭ samtempe la plej taŭga ekkonilo, ke Kaatje estas literaturaĵo vera, eterne vivanta; ĝi estas verko ne de tiu aŭ tiu naciano, sed de homo, de poeto, kiu apartenas al la mondo.

La agon Verhaeren resumas jene: „En Kaatje tute nederlanda pentristo, penetrita de sia raso, formita de la riveroj, la tero, la vento, la lumo tieaj, decidas, dudekjara, senigi sin de si mem por serĉi en fama lando fremdan instruadon, kaj se mi kuraĝas diri, emociojn, sentojn, manojn, okulojn, kiujn li opinias pli bonaj ol liaj estas

Li de tie iam revenas, fiera pri si mem kaj pri sia metamorfozo, preskaŭ feliĉa tial, ke li elvojiĝis; sed jen malrapide lia lando lin realmilitas, ĝi lin liberigas de la nenatura edukado, kaj ĝi redonas al li la feliĉon per la rideto de junulineto, sidanta apud fajrejo, kun simpla puntkuseno sur la genuoj."

Al Dro Van der Biest la esperantistaro ŝuldas sinceran dankon pro la farita de li traduko. La lingvo estas bonega, korekta. Kelkajn esprimojn mi deziras noti: skabelo (Schemel, escabeau, sgabello), farbo (koloriga substanco), okra (Ocker, ocre, ocra, ochre).

Sed kial: Rafaelo, Titiano, kvankam: Jan Swart, Van Orley? Kial: Kaatj'on kaj Pomon'on anstataŭ: Kaatje-n kaj Pomona-n?

Mi esperas, ke la tutmonda esperantistaro pagos la dankŝuldon al S-ro Van der Biest per multnombra ĉeesto en la Antwerpen-a prezentado; altegan ĝuon oni certe havos, — per helpo de nia lingvo.

*Arnold Behrendt.*

*

* **La kormalsanoj,** iliaj kaŭzoj kaj kontraŭbatalo, priskribo populara de Dro Burwinkel, banloka kuracisto en Bad Nauheim, esperantigita de Dro Kunschert, Wiesbaden, ĵus aperis en la 13—15 germana eldono.

La „*Deutsche Aerztezeitung*" (germana kuracista revuo) diras pri la verko: „La libreto brile pruvis la rajton de sia ekzistado. La kuracistoj devus rekte rekomendi ĝin al pacientoj, ĉar ĝia efiko je la animo

estas grandioza, precipe ĉe pacientoj timemaj, ĉe neŭrasteniuloj ktp." Do la eldonejo de la: „Aerztlichen Rundschau, Otto Gmelin en München" ĝuste akompanis la novan germanan eldonon sur kovrilo per la vortoj: „Vivĝojo por kormalsanuloj, gvidilo por sanuloj en la vivbatalo, ludo kaj sporto."

La esperanta eldono, aperinta ĉe Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin, estas ricevebla en ĉiuj libroeldonejoj. Prezo 1 M.

*

**Oficiala raporto pri la Sesa Universala Kongreso de Esperanto** (Washington 14—20. Aŭgusto 1910). Esperantista Centra Oficejo, Paris. Prezo 1,— M.

Tiu ĉi kajero estas la dek sesa de la Esperantista Dokumentaro. Ĝi donas detalajn raportojn kaj protokolaron pri ĉiuj ĝeneralaj kaj fakaj kunsidoj kaj pri iliaj decidoj. Kompreneble ne mankas la rimarkinda malferma parolado de nia Majstro, kaj fine estas enmetita la nomaro de la ĉeestintoj. *Ek.*

*

**Lehrbuch der Welthilfssprache Esperanto.** Von Ferd. Mally. E. Remer'sche Buchhandlung, Görlitz, 144 Seiten, brosch. 1,80 M.

Wir Deutsche sind schon reich gesegnet mit Lehrbüchern für Esperanto; dem verschiedensten Geschmack entsprechen sie; vom Schröderschen an, das jedenfalls für Grammatikmenschen eine Wonne ist, bis zu denen, die auf die Fähigkeiten und Bedürfnisse des einfachen Mannes zugeschnitten sind. Zu den letzteren möchte ich das vorliegende rechnen. Sehr lobenswert ist hier eine 5 Seiten umfassende Erläuterung der deutschen Grammatik und Satzlehre. Im Esperantoteil ist der noch häufiger, als gewöhnlich, gebrauchte Fettdruck sehr das Lernen fördernd. Besonders das häufige Hervorheben des Akkusativ-n prägt die Anwendung dieser Form gut ein. Auch die Zusammenstellung der verschiedenen Anwendungsfälle des Akkusativs (S. 97) ist praktisch gelöst. Die zahlreichen Beispiele für Wortbildung und ein ziemlich ausführliches Inhaltsverzeichnis erleichtern sehr das Lernen der Sprache und die Benützung das Buches. Verschwiegen kann aber nicht werden, dass sich ausser den in besonderem Verzeichnis angegebenen Druckfehlern noch manche in dem Buche finden; selbst Ungenauigkeiten und Unrichtigkeiten (Anwendung von „sia", Regel betr. „-izi u. -umi") finden sich in dieser ersten Auflage. Es empfiehlt sich, dass der Verlag dem Buch auf etwa 4 Seiten einen besonderen Nachtrag beilegt, so dass schon die erste Auflage ihren Zweck voll erfüllt.

*P. Christaller.*

*

**Die Verbreitung der Esperantosprache.** Von Professor P. Christaller. Flugschrift Nr. 1, herausgegeben vom Esperanto-Propaganda-Instititut, Leipzig, Kaiser-Wilhelmstr. 15. Preise: 100 St. = 2 M., 300 St. = 5 M., 500 St. = 8 M, 1000 St. 15 M.

Dieses von Herrn Prof. Christaller in vorzüglicher Weise bearbeitete Flugblatt repräsentiert sich in einer recht geschmackvollen Aufmachung und es wird sicher seinen Zweck als Werbemittel vollauf erfüllen.

*G. E.*

*

**Weltporto = Reform.** Das nahende Welt-Pennyporto in neuer Beleuchtung von Arved Jürgensohn. — Liebheit & Thiesen, Berlin, Niederwallstr. 15. Preis 6.50 M.

Dieses sehr interessante Werk behandelt ausführlich ein wichtiges Thema, das in indirektem Zusammenhange mit unseren Bestrebungen steht. Seine Entstehung verdankt das Buch einem Vortrage, den der Verfasser Ende 1908 im Handelsvertragsverein zu Berlin gehalten hat, und es ist von massgebenden Stellen als dasjenige Werk bezeichnet worden, auf das man stets zurückkommen müsse, wenn man sich mit der Weltportoreform befasst. — In einem besonderen Artikel werden wir in einer der nächsten Nummern näher auf den Inhalt des grosszügig abgefassten Buches eingehen. *Ek.*

## Ĵurnaloj.

**Esperanto = Folket,** duonmonata propagandilo de l' Esperantismo en Svedujo; jara abono 1.500 Sm. Redaktoro: G. H. Backman, Helsingborg.

La tasko de la nova gazeto estas, „montri al la neinteresita aŭ dubema publiko, kio Esperanto kaj Esperantismo efektive estas, kion ĝis nun ĝi efikis, kioman utilon oni jam nun havas per Esperanto, kiamaniere oni plej facile lernas la lingvon. La enhavo de la gazeto ĉefe devas esti elĉerpita el la esperantista mondo kun ĝia enhavriĉa gazetaro, por montri, kian signifon jam havas la Esperantismo por la mondo".

*

**Riga Stelo,** monata revuo dediĉita al la praktika uzado de l' internacia lingvo Esperanto. Abonprezo: por 10 numeroj sen suplementoj 1.500 Sm; kun suplementoj 2,500 Sm. Redaktejo: Riga, Rakovaja (Krebsstrasse) 11.

Ĉefa tasko de la gazeto: „montri la eblon, plibonigi sur neŭtrala lingva fundamento ne nur internaciajn interrilatojn en la vasta senco de tiu vorto, sed la reciprokajn interrilatojn eĉ inter la limoj de unu urbo, vivanta per vivo kosmopolita."

*

**Germana Katoliko,** oficiala organo de la tutmonda katolika unuiĝo esperantista por Germanujo; jara abonprezo: por unuiĝanoj — nenia; alie 3 Markoj (1,500 Sm). Adreso: Richard Scholz-Augsburg.

Das Blatt wird von den deutschen Landesverbänden der Tutmonda Katolika Unuiĝo Esperantista herausgegeben und ist der 2. Jahrgang der „*Monatsblätter für katholische Esperantisten*".

*

**Gazeto Hispana,** monata esperanta revuo, oficiala organo de la Hispana Societo por Esperanto kaj de la aliĝintaj grupoj; jara abonprezo: 1,200 Sm. Redaktejo: Strato Munoz Torrero 10. — San Fernando (Cadiz).

La revuo anstataŭas la ĝis nun aperintan „Gazeton Andaluzian".

*

**Hungara Studento,** instrua organo; jarabono: 0,750 Sm. Redaktejo: Budapest VII, Alpár-utca 8 sz.

La gazeto, naskiĝinta jam antaŭ unu jaro, nun iras en la mondon, kiam ĝi havas sufiĉe fortan vivkapablon.

*

**La Verda Standardo,** esperanta internacia ĵurnalo, oficiala organo de la internacia esperantista asocio „La Verda Standardo" kaj de la „Aoranoj"; jarabono kune kun membreco: 5 Kr. (2,140 Sm). Redakcio kaj administracio: Budapest, IX ker., Uellöi-út 59 sz.

Tiu ĉi antaŭe monata ĵurnalo nun aperas kiel semajna en formato de ĉiutaga gazeto.

*

**Pola Esperantisto,** monata gazeto por propagando de Esperanto; jara abonprezo kun „Literatura Jarlibro": 2,50 Rb. (2,650 Sm), sen suplemento 2,- Rb. (2,100 Sm). Adreso: Warszawa (Warschau); Redakcio: Krucza 47-A; Administracio: Hoza 20.

La malfavora situacio, en kiu P. E. troviĝis ĉe la fino de l' pasinta jaro, pliboniĝis tiom, ke la ĵurnalo, kiu estas unu el la plej bone redaktitaj, seninterrompe povas eliri regule ĉiun monaton.

*

**Dana Esperantisto.** La abonprezo de tiu ĉi organo de niaj danaj samideanoj por la nun jaro estas fiksita je 3,— Kr. Lerte redaktita de malnovaj kaj spertaj gesamideanoj, tiu monata revuo estas tre rekomendinda. Ni helpu niajn danajn amikojn, al kiuj la sorto dum la lasta tempo alportis tiom da malfeliĉoj, laŭ ĉiuj fortoj per abono kaj diskonigo de D. E. Oni abonas ĉe Esperanto-Oficejo, 35 Bredgade, Kopenhagen.

Al niaj kunbatalantoj, novaj kaj malnovaj, koran saluton kaj deziron pri plena sukceso por la bono de nia afero!

## Sub internacia vestaĵo.

Tralegante la Esperantan literaturon oni povas fari en ĝi interesajn konstatojn laŭ diversaj vidpunktoj. Internacia lingvo estas kvazaŭ kriterio por la komparo de la diversnaciaj literaturoj.

Memkompreneble oni ne devas atendi, ke ĝi donu perfektan rebrilon de la riĉeco, ĉarmo kaj entute de la genio de la naciaj beletristikaĵoj, tio estus postuli de artefarita lingvo privilegion, kiun neniu nacia lingvo pretendas posedi, ĉar estas superflue diri, ke neniam traduko, — eĉ plej bona, — valoros originalan ĉefverkon.

Tio ĉi estas precipe vera pri la literaturaj verkoj, kiuj ĉerpas sian esencan ĉarmon el la lingvo mem, el la vortelekto, el la vortordo kaj el la harmonio, kiu devenas de ili. Mi pensas precipe pri poezio, en kiu la lingvo estas tre ofte, eĉ ĉe klasikaj aŭtoroj, la ĉefa afero. Kiam oni tradukas alilingven tiajn ĉefverkojn, ili perdas preskaŭ sian tutan valoron.

Pro tio niaj Esperantaj tradukistoj atentu! Ili elektu por traduki antaŭ ĉio kaj prefere verkojn, kiuj ricevas sian esencan signifon de la en ili esprimitaj pensoj kaj ne de la uzita stilo.

Farinte tiun ĉi fundamentan rimarkon, mi pli facile povas paroli pri nia Esperanta literaturo, forigante ĉian kritikon rilate al la supre dirita punkto.

Tamen, raporti pri la Esperanta literaturo entute fariĝas jam tre vasta laboro, kiu postulus multajn paĝojn. Nefacila tasko estas ĝin plenumi en la mallarĝa kadro, fiksita por la konkurso de „Germana Esperantisto". Kiu nur sukcesis legi la tutan Esperantan literaturon? Kredeble tre malmultaj homoj, pro ĝia jama amplekso kaj ĝia tiel rapida kreskado depost la tri lastaj jaroj. Sed ankaŭ la organizintoj de l' konkurso vere ne postulas kritikon pri la tuta literaturo; ili male konsilas elekti tiun ĉi aŭ tiun specialan pritrakton, laŭ la gustoj aŭ kapabloj de la partoprenantoj.

Pro tio, mi limas mian mallongan babilaĵon al kelkaj impresoj, kiujn mi havis dum legado de la libretoj de la bonega „Esperanta Biblioteko Internacia". Mi pensas, ke tiu, kiu volas havi opinion pri Esperanta literaturo, pri ĝia diverseco, pri la vera ĉarmo entenata en ĝi, kaj tamen ne volas multe legi, ne povus pli bone agi ol tralegi kaj kompari la diversajn libretojn de tiu ĉi kolekto. Jam aperis nun sufiĉe da ili por ebligi tre interesan kaj profitdonan komparon inter la skribmaniero de la diversnaciaj tradukistoj kaj pri la pensmaniero de la originalaj aŭtoroj. Jam aperis tradukoj el la lingvoj germana, dana, pola, rusa, hispana, japana, norvega, bulgara, ĉiu en unu aparta kajero, kaj ekstraktoj el la famaj tradukoj de Dro Zamenhof faritaj el la lingvoj hebrea, germana, rusa kaj franca, entenataj en tri kajeroj.

Inter la originalaj verkistoj, reprezentitaj per pli aŭ malpli gravaj pecoj en la kolekto, mi citas —, krom la sanktaj aŭtoroj David kaj Salomon —, Goethe, Schiller, Molière, Gogol, Lessing, Pestalozzi, Andersen, Cervantes, Ibsen, Orzeszko.

Legante verkojn de tiuj ĉi aŭ de aliaj klasikaj aŭtoroj en internacia lingvo, mi ofte demandis min, kion ili pensus vidante siajn ĉefverkojn tradukitajn en artefarita lingvo. Nu, mi konkludis, ke tio ne povus ilin ĉagreni pli multe ol vidi ilin tradukitajn en iu ajn nacia lingvo.

Kvankam reprodukto ne valoras originalaĵon, tamen la en ĝi esprimitaj pensoj restas la samaj en ĉiu lingvo, kaj se la ĉefa intenco de l' aŭtoro estis per siaj pensoj helpi aliajn homojn, kaj progresigi la homaron, li povas nur ĝoji, ke plej-eble multaj homoj de diversaj nacioj estas kapablaj profiti de tio, kion li skribis. Tiu ĉi dezirinda rezultaĵo povas esti akirita en plej alta grado per internacia lingvo, kies unua celo estas disvastigi rapide kaj facile la utilajn pensojn tra la tuta mondo.

Se internacia lingvo ankoraŭ malkomplete plenumas tiun postulon, tio ne aliigas la situacion, ĉar ĝi celas al tio kaj certe iam realigos tiun deziron.

Sekve verkisto, kiu klopodas precipe por la vastigado de **ideoj**, povas nur ĝoji eĉ se tiuj ideoj prezentas sin al la homaro sub internacia vestaĵo.

Multajn verkojn de la ĵus nomitaj aŭtoroj mi legis laŭ la originalo, kaj pro tio la Esperanta traduko el lingvoj germana, franca, angla, hispana estas al mi neutila, tamen mi sentis nekonitan plezuron, novan apartan ĝuon relegante en Esperanto paĝojn de Schiller, Molière, Shakespeare, Cervantes, kvankam la impreso farita de la originalo estas kompreneble pli potenca. Sed mi tion volonte konfesas: Mi pli facile komprenas Shakespeare kaj Cervantes en Esperanto ol en la originaloj, kvankam mi studis anglan kaj hispanan lingvojn de multe pli da tempo ol Esperanton, kaj kvankam mi sufiĉe longe vivis en Anglujo kaj en Hispanujo.

Verkojn de Gogol, Andersen, Ibsen, Orzeszko, mi ankaŭ antaŭe legis, sed tiujn ĉi nur en nacilingvaj tradukoj, ĉar mi ne scias la rusan, danan, norvegan, polan lingvojn. Pri tiuj ĉi mi povas diri, ke mi ricevis de la esperanta legado plezuron almenaŭ egalan al tiu, kiun mi ricevis de aliaj nacilingvaj tradukoj.

Sed krom la ĉi supre cititaj nomoj, mi dank'al Esperanto konatiĝis kun tuta serio de diversnaciaj aŭtoroj, kies nomon mi eĉ neniam aŭdis sed kies verkojn tamen certe meritas esti konataj, se mi almenaŭ povas juĝi per la esperantigitaj specimenoj. Mamin Sibirjak, Nakagawa, Tokuchi Kodo, Ivan Minĉev Vazov, jen nomoj de rusaj, japanaj, bulgaraj aŭtoroj modernaj, kiujn mi ekkonis per la „Esperanta Biblioteko Internacia", kaj mi vere tre bedaŭrus ne koni ilin, ĉar la malmulton, kion mi legis de ili ekstreme plaĉis al mi, kaj vekis en mi la deziron koni pli grandan parton de ilia verkaro.

Mi povus multe pli longe skribi pri la interesaj konstatoj faritaj per kompara studo de la libretoj de l' „Esperanta Biblioteko Internacia". Eĉ parolante nur pri la fantaziaj rakontoj mi povus konstati, kiel malsimile en sia originaleco pensas kaj skribas la verkistoj de la diversaj rasoj kaj kiel malsimile la ekstera naturo, la homoj, la okazintaĵoj ilin frapas.

Sed tio kondukus min multe tro malproksimen, trans mia jam nun atingita limo kaj mi devas halti. Per tiuj kelkaj linioj mi almenaŭ penis montri, ke la esperanta literaturo jam posedas sufiĉajn kvalitojn por pravigi sian ekziston kaj instigi ĉiam pli multe da homoj ĝin ekkoni.

*Leser.*

# Respondoj.

**28.** (p. 20). Bibliografio, t. e. libropriskribo, libroinformo, scio pri la produktaĵoj literaturaj de ĉiuj popoloj kaj tempoj, disiĝas: 1. en *la ĝenerala bibliografio*, kiu observas la tuton de la literaturo laŭ ĝia origino, laŭ ĝia evolucio kaj nuntempa stato; 2. en *la aparta bibliografio* (b. en limigita senco), kaj libropriskribo, kiu metode katalogas kaj priskribas ĉiajn manuskriptojn aŭ presitajn librojn.

La bibliografio decimala apartenas al la lasta speco.

Ĝia metodo estas jena. La homa scio estas dividita en dek klasoj, signitaj per la ciferoj 0 ĝis 9.

0. Ĝeneralaj verkoj.
1. Filozofio.
2. Religio.
3. Socialsciencoj.
4. Filologio.
5. Puraj sciencoj.
6. Aplikitaj sciencoj.
7. Belaj artoj.
8. Literaturo.
9. Historio.

Ĉiu el tiuj ĉi klasoj denove disiĝas en dek fakoj: tiuj ĉi ree en subfakoj kaj laŭ bezono en segmentoj kaj subsegmentoj.

Ekzemple la sesa klaso enhavas jenajn dek fakojn.

6. Aplikitaj sciencoj:

60. Ĝeneralaĵoj pri aplikitaj sciencoj en ilia tuto.
61. Medicino.
62. Inĝenier-scienco.
63. Agrikulturo.
64. Ekonomio.
65. Komerco kaj Transporto.
66. Ĥemia teknologio.
67. Fabrikado.
68 Meĥanika industrio kaj Metioj.
69. Arĥitekturo.

La fako 65 estas denove dividita: 65. Pri komerco kaj komunikaĵoj:

650. . . . .
651. . . . .
652 Skribilaro, Skribmaŝinoj.
653. Stenografio.
654. Telegrafio.
655. Libropresado kaj Eldonado.
656. Transportilaro. Teĥnika kaj komerca mobilaro de la fervojoj ktp.

Plie estas nomitaj el la subfako 656 la du segmentoj:

656. 1. Transporto sur vojoj.
656. 2. „ „ fervojoj ktp.

De la lasta segmento oni povas diferencigi ankoraŭ dek subsegmentojn.

Oni tuj vidas, kun kia admirinda delikateco tia sistemo povas esti uzota, kaj kiel facile la plej malgravaj specialaĵoj estas signeblaj per kelkaj ciferoj, kiuj esprimas la devenon de la pensoj, iliajn rilatojn koncerne la dependo kaj subordigo.

La katalogado laŭ decimala sistemo okazas tiamaniere: Aperinta literatura verko estas numerata laŭ ĝia enhavo kaj la nomitaj reguloj; poste la eldonjaro, aŭtoro, titolo kaj eldonejo estas skribataj sur karto laŭ certa grandeco kaj tiu ĉi karto estas envicigata laŭ ĝia sistemnumero en kesto.

Por elserĉo de la literaturaĵoj pri iu ajn objekto de la homa scio indeksoj estas starigataj, nome por ĉiu nacia kulturlingvo aparte. — Estas necese fari ankaŭ por Esperanto tian indekson.

La decimala bibliografia sistemo estas elpensita de Melvil Devaj, estro de la Amerika Biblioteko-Asocio. Por enkonduki ĝin en Eŭropon fondiĝis je la fino de l' jaro 1895 la Internacia Bibliografia Instituto en Brüssel, laŭ decido de internacia konferenco.

Ĝia centrejo, la Internacia Oficejo por Bibliografio, tiam baldaŭ estis organizata sub la protekto de la belga registaro, por publikigi ĝeneralan registron bibliotekan laŭ la decimala klasifiko de sinjoro Melvil Devaj

Tiu ĉi internacia decimala sistemo havas kontraŭulojn, same kiel la internacia lingvo Esperanto; ili grumblas pri malgravaĵoj kaj kontraŭbatalas la sistemon kiel la idistoj nian lingvon. Sed tie ĉi kiel tie estas unua kaj plej grava kondiĉo por fina venko, konservi fundamenton.

*Schneider, Fin.- und Baurat, Zwickau.*

*

32. (p. 20). Oni povas difini la aĝon de hundoj el iliaj dentoj. Gis la dua jaro proksimume la incizivoj havas pintojn, kiuj poste malaperas.

*Hermann Klenke.*

## Demando.

33. Ĉu ekzistas lernolibro de portugala lingvo por esperantistoj, rusoj, germanoj aŭ francoj, kaj kiom ĝi kostas? *M. N.*

# Oficialaj sciigoj de la Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)

**Deutscher Esperanto-Bund (Eingetr. Verein) Geschäftsstelle: Bromberg, Neuer Markt 8.**

## Beitragszahlungen!

Wiederholt haben Gruppen Jahresbeiträge für 1911 nach Bromberg und rückständige Beiträge aus den Jahren 1909 und 1910 nach Dresden gesandt. Wir machen erneut darauf aufmerksam, dass umgekehrt nur rückständige Beiträge aus 1909 und 1910 an die Geschäftsstelle Bromberg, Neuer Markt 8, zu zahlen sind, während alle für das Jahr 1911 bestimmten Zahlungen an das Bankhaus Gebr. Arnhold, Dresden, Waisenhausstrasse 20, abzuführen sind.

*

## Betrifft Gruppengründungen.

Esperantisten, die in Reichenbach i. V. und benachbarten Orten wohnen, in denen eine Ortsgruppe des Deutschen Esperanto-Bundes noch nicht besteht, werden gebeten, ihre Adressen der Geschäftsstelle, Bromberg, Neuer Markt 8, mitzuteilen.

*

## Paroladoj.

Gesinjoroj, kiuj estas pretaj fari paroladojn pri Esperanto en jenaj urboj: Rixdorf, Duisburg, Dortmund, Mannheim, Schöneberg, Barmen, Gelsenkirchen, Posen, Bochum, Karlsruhe, Wilmersdorf, Saarbrücken estas petataj, sendi siajn adresojn al la administracio en Bromberg, Neuer Markt 8, kun kondiĉoj.

*Der Vorstand.*

## VI. Deutscher Esperanto-Kongress.

Kongresskarten. Der Versand der Kongresskarten hat begonnen. Sie werden in der Reihenfolge numeriert, wie die Anmeldungen und Geldsendungen eingehen. Ein Vordatieren findet nicht statt. Name und Wohnort sind vom Empfänger selbst, und zwar handschriftlich einzutragen, da die Karten während der Kongresstage als Legitimation gelten. Nur auf Vorzeigen der Karte hin erhält der Kongressbesucher die Kongressdokumente, sowie das Festzeichen, das zur Teilnahme an allen geschäftlichen und Vergnügungsveranstaltungen der Tagung berechtigt. — Es wird dringend ersucht, **schon jetzt die Kongresskarten zu bestellen,** um dem Ausschuss die vorbereitenden Arbeiten zu erleichtern. Nachstehend veröffentlichen wir die Liste derer, die bis jetzt Karten gelöst haben.

Hilfs-Kongresskarten (Kartoj por helpkongresanoj) werden an diejenigen Personen (auch Gruppen, Verbände usw.) ausgegeben, die den Kongress pekuniär unterstützen wollen oder die verhindert sind, persönlich am Kongress teilzunehmen, aber gern die wertvollen Kongressdokumente und Festgaben erhalten möchten. Im letzteren Falle ist der an den Karten befindliche Coupon abzutrennen und ausgefüllt an den Kongressausschuss zurückzusenden. Es wird daraufhin nach Schluss des Kongresses den Karteninhabern das gesamte Material portofrei zugeschickt werden. Zur Teilnahme an den Veranstaltungen und Versammlungen des Kongresses berechtigen diese Karten jedoch in keiner Weise.

Der Kongressausschuss.
*Dr. A. Möbusz.*

* * *

**1. Teilnehmerliste.** a) Kongresanoj: 1. Dr. A. Möbusz, Lübeck. 2. Frl. E. Hoffmann, Wiesbaden. 3. Dr. E. Mybs, Altona. 4. Frau M., Altona. 5. Jules Borel, Berlin. 6. Dr. H. Arnhold, Dresden. 7. F. Ader, Dresden. 8. P. Gottgetreu, Hannover. 9. Frl. M. E. Jahns, Dresden. 10. Frau Prof. M. Hankel, Dresden. 11. L. Langenheim, Lübeck. 12. Frl. K. Jahns, Braunschweig. 13. Frau Dr. Möbusz, Lübeck. 14. K. von Frenckell, Dresden. 15. R. de Ladevèze, Hamburg. 16. Frl. M. Grabau, Hamburg. 17. O. Bünemann, Hamburg. 18. Frau E. Bünemann, Hamburg. 19. F. Epstein, Hamburg. 20. A. Hoffmeister, Hamburg. 21. Dr. M. Kandt, Bromberg. 22. M. Hindberg, Hamburg. 23. J. Krauss, Lübeck. 24. Frau L. Krauss, Lübeck. 25. H. Böhs, Lübeck. 26. Prof. Dr.

Rohrbach, Gotha. 27. H. Wichers, Lübeck. 28. Frau M. Wichers, Lübeck. 29. Medizinalrat D. Riedel, Lübeck. 30. Frl. E. May, Lübeck. 31. M. Schmidt, Lübeck. 32. G. Schmidt, Lübeck. 33. Th. Anding, Charlottenburg.

b) Helpkongresanoj: 1. W. M., Hamburg. 2. Frau Jules Borel, Berlin.

## Kongressbuch.

Der dringliche Aufruf zur Mitarbeit am Kongressbuch (s. No. 2) ist erfreulicherweise von bestem Erfolg begleitet gewesen. Die hervorragendsten Esperantisten werden ihre Feder in den Dienst dieses einzigartigen Propagandawerkes stellen, so dass es etwas ganz Vorzügliches zu werden verspricht. Für einige Themen haben sich leider noch keine Bearbeiter gefunden. Es sind dies: I, 3. Die Esperanto-Kongresse. 6. Urteile über Esperanto. 8. Esperanto und die Behörden. II. Esperanto und 1. die Wissenschaft, 4. die Konfessionen, 5 die Schule, 9. die Lehrer, 12 die Kongresse, 19c. das Postwesen, 20. die Touristik, 24. die Blinden, 29. der Sammelsport.

Wer springt in die Bresche? Die Arbeiten sind deutsch abzufassen. Angebote umgehend erbeten an

*Dr. A. Möbusz,*
Lübeck, Falkenstr. 12.

## Imitinda ekzemplo.

Die Lichtbilderzentrale des Deutschen Esperanto-Bundes erhielt geschenkweise von Mitgliedern eine grössere Zahl vorzüglich ausgeführter Diapositive. Der Godesberger Esperanto-Verein „Godea“ schenkte drei Lichtbilder über Godesberg und Veranstaltungen der Gruppe, während wir von der Gesellschaft Esperanto in Dresden 25 Bilder mit Ansichten von Dresden und 2 von der Puppenausstellung erhielten, die eine wertvolle Ergänzung unserer Dresdener Kongressserie bilden. Beiden Vereinen sei hierdurch der herzlichste Dank ausgesprochen. Wer will ihrem rühmlichen Beispiel folgen?

Deutscher Esperanto-Bund, Abt. für Lichtbilder.
*Dr. Möbusz.*

## Ekzamenoj de la Germana Esperanto-Asocio.

Plenuminte la „Superan Ekzamenon“ ricevis la „Ateston pri Lingva kapableco“:

S-ino Elsa Jenckel, instruistino, Hamburg,
S-ro H. Sander, instruisto, Hannover-Linden.

Ekzamena komitato de la Germana Esperanto-Asocio. La sekretario: *Felix Epstein,* Hamburg.

## Preisausschreiben.

Um für G. E.·A. eine gefällige und darum gern benützte Postkarte zu erhalten, wird hiermit ein Preisausschreiben erlassen.

Verlangt wird eine Darstellung in natürlicher Grösse, ohne den Namen des Verfertigers; der Name ist, wie üblich, in geschlossenem Umschlag mitzusenden, versehen mit dem gleichen Kennwort wie die Zeichnung selbst.

Ausführung für Tondruck, oder Farbendruck bis zu drei Farben, ist zugelassen.

Es empfiehlt sich, einem Durchschnittsgeschmack Rechnung zu tragen, also keine „hochmoderne“ Form zu wählen. Figürliche Darstellung ist nur bei Beherrschung der Formen rätlich.

Etwas Platz für Mitteilungen auf der Bildseite ist erwünscht.

Die Arbeiten müssen Donnerstag, den 1. Juni, bei der Geschäftsleitung des Deutschen Esperanto-Kongresses in Lübeck eingehen, und zwar mit der Bezeichnung „Preisausschreiben“ auf dem Umschlag.

Während des Kongresses findet Ausstellung und Beurteilung der eingegangenen Arbeiten statt.

Die drei besten Arbeiten erhalten Preise von je 10 M.; der zur Ausführung gewählte Entwurf wird Eigentum der Asocio; der Verfasser erhält von jedem verkauften Exemplar 1 Pf. Kleine Aenderungen hat er, wenn dies von den Preisrichtern gewünscht wird, für die Ausführung vorzunehmen.

Im Auftrage der G. E. A.
*P. Christaller,*
Prof. a. d. Kunstgewerbeschule Stuttgart.

## Danko!

Tre kore mi dankas al la gesamideanoj, kiuj afable proponis helpon ĉe tradukoj. En okazo de bezono mi sendos al ili tekstojn. Kun esperantista saluto
*Marie Hankel.*

## 100 000 Mark-Fonds.

Fünfte Liste der eingegangenen Bausteine.

Marie Hommel, Dresden, 1; W. Daum, Gommersheim, 1; Esperanto-Societo Markersdorf, Bez. Leipzig, 1; Esperantisten-Gruppe Hildesheim, 1; Esperantisten-Gruppe Hildesheim, 1; W. Gellert, Hildesheim, 1; Georg Werckmeister, Bromberg, 1; Erich Herzka, Dresden, 1; Antaŭen por nia lingvo, 1; Luber, 2; Katharina Bock, Berlin, 1; Ferdinand Schmidhofer, Brünn, 1; stud. arch. Ernst Wichert, Charlottenburg, 1; Grupo Esperantista, Höchst a. M., 1; I. Germana esperantista grupo, Leipa i. B., 1; Rechtsanwalt Dr. Auerbach, Bromberg, 1; X., Jena, 2; zusammen mit voriger Liste **7185,— M.**

**Serie II.**

Vivu la Sepa! 1; I. Germana esperantista grupo, Leipa i. B.; 1; zusammen mit voriger Liste **310,— M.**

**Schluss des offiziellen Teils.**

## Abonniert die „Deutsche Warte“.

Bekanntlich ist es dem Deutschen Esperanto-Bund gelungen, auch eine angesehene Tageszeitung, die „Deutsche Warte“, für unsere Sache zu interessieren, und bringt diese jetzt als wöchentlich einmal erscheinende Extrabeilage die „Esperanto-Warte“. Für jeden Anhänger der Esperanto-Sprache und solche, die den Wert einer internationalen Sprache für den Handel und Verkehr schätzen, ist es von Interesse, dieses Blatt kennen zu lernen, da es direkt bahnbrechend wirkt und dazu beiträgt, der Esperantosprache zum Ziele zu verhelfen. Wir weisen deshalb auf den unserer heutigen Nummer beiliegenden Prospekt der „Deutschen Warte“ mit „Esperanto-Warte“ ausdrücklich hin.